

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
KONGRESA NUMERO Jaro 5 N-ro.3 (18) setembro de 2006

NOVAĴO

**La 3-a Kunveno kun fruktdono en Florenco**

La 3-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj okazis kiel planite, ĵaŭde en salono Grazzini kaj ĝin partoprenis 43 kongresanoj. Enkonduke mi raportis koncize pri taskoj plenumitaj de la komisiito pri urbo-ĝemeliĝo, s-ro Wu Guojiang, interalie, la eldono de la bultenoj, kontaktoj, korespondado, la letero sendita al la urbestroj kaj publikigita en la revuo Esperanto.

Interkonsente kun Zsofia Korody mi prezentis skize la nunan staton de la modela projekto pri ĝemeliĝo inter la urboj Herzberg en Germanio kaj Gora el Pollando. Oni prezentis liston de taskoj realigitaj en la unua jaro de la modelprojekto

Pere de kelkaj materialoj presitaj la spektantoj povis vidi la afiŝon preparitan pri la tiel nomata Esperanto-urbo. E-informoj troveblas sur la urba hejmo: www.herzberg.de

Oni invitis sendi eventualajn gratulleterojn kiel maniero bone subteni la nunan agadon. Leterojn oni adresu al la urbestro de Herzberg Gerhard Walter: buergermeister@herzberg.de

Oni petis ankaŭ sendi kopion de tiuj leteroj al la Interkultura Centro Herzberg.

En alia momento de la kunveno s-rino Tahira Masako raportis pri salutmesaĝo sendita de s-ro Yorikane Masumoto, urbestro de Kioto al la urbestro de Florenco, s-ro Leonard Domenici, kiu estis transdonita propramane dum la akcepto de la urbestro en Florenco. En la letero, la urbestro de Kioto esprimis: "Mi ŝatas esprimi sinceran dankon pro via kunlaboro por niaj ĝemelurbaj amikecoj".

Aliaj partoprenintoj parolis pri la spertoj ĉe Eŭropaj instancoj pere de nomata projekto "fariĝu lingva ambasadoro". Oni interparolis pri aliaj paŝoj entreprenitaj en Kievo, Bulgario, Hungario, Kroatio kaj Parizo interalie.

La etoso de la kunveno estis tre vigla kaj oni povis konfirmi la gravecon de tiu ĉi agado kiel konkreta maniero utiligi Esperanton kiel ilon por proksimigi la popolojn, plifortigi solidarecon kaj amikecon interpopolan.

Ĝenerala konsento estis ke pere de tiuj ĉi kunvenoj la aktivuloj kaj interesitoj pri tiu ĉi agadkampo pli kaj pli informiĝas pri la eblecoj uzi la lingvon por praktika celo kaj pri la ekzisto de oficialaj listoj serĉendaj tiel ke en ĉiu lando oni povus trovi partnerajn urbojn kiuj potenciale estas bona grundo por interrilatiĝo pere de Esperanto.(Maritza Gutirreze raportis)

**Ni, proksimiĝanta al la celoj**

Kvankam mi ne partoprenis tiun ĉi kunvenon, tamen mi estis ĝoja pro kelkaj ricevitaj novaĵoj antaŭ aŭ post la 91-an UK: letero de s-ro Mario Amadei, kunlaboranta kun la Florenca LKK por inviti ĝemelurbanojn en la UK kun urbestra mesaĝo, gratula mesaĝo de urbestro de Kioto al urbestro de Florenco efektiĝita en la penado de Tahira Masako, sukcesa vizito de s-ro HORI Jasuo al sia itala ĝemela urbo Orvieto dum la kongreso, ekinteresiĝo de gejunuloj al la projekto, krome kaj Esperanto-urbo Herzberg kaj reagoj al Publika Letero al Urbestroj kiuj aperos en la 19-a numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj. Estas ĉi tiuj okazaĵoj kiuj jam pavimis vojon al sukcesiĝo de la 3-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj. Returne vidinte la vojon sur kiu ni iris, mi estas tre profunde

kortuŝita, ĉar multaj samideanoj ĉiam pene kultivas la projekton "Ĝemelaj Urboj" per siaj saĝeco, kuraĝo kaj praktikado, ili konkeris multajn malfacilaĵoj kaj kreis multajn ekzemplojn kiel tiujn supremenciitajn. Ĝuste pro tio la projekto povas esti en stabila evoluo kaj estas proksimiĝanta al ĝiaj celoj.

Gratulante la kunvenon kaj la ĉeestintojn, estas plibone, mi pensas, se ni povus fortikigi la nunan rezulton kaj pluprofundigi nian laboron. Strebu, plustrebu, praktiku kaj plupraktiku. Venos tiu tago kiam pli kaj pli multaj personoj scias nian projekton kaj vere konscias ĝian valoron kaj gravecon , kaj la plej parto de urboj en la mondo ŝatas partopreni en ni. Certe! --- Wu Guojiang

**La letero de la komisiito al urbestro de Florenco**

Kara sinjorino/sinjoro Urbestro de Florenco,

La 91-a Universala Kongreso de Esperanto okazos de la 29-a de Julio al la 5-a aŭgusto en la bela Florenco. Mi varme gratulas vin pro tiu okazo.

Kiel vi scias, la agado de ĝemelaj urboj komenciĝis de komenco de la 20-a jarcento, kaj kiel firme kredis Giorgio La Pira, la unua urbestro de Florenco subskribi interkonsenton pri Ĝemelaj Urboj, ĝi estas grava ilo akceli mondpacon.

Delonge esperantistoj and Esperanto-organizaĵoj en ĝemelaj urboj estas interŝanĝintaj unu alian, faris kontribuon al la agado de ĝemelaj urboj and tio sufiĉe montris la rolon de Esperanto. Universala Esperanto-Asocio (UEA) estas atentinta la evoluon de ĉi tiu situacio kaj stariginta la Projekton "Ĝemelaj Urboj" en la jaro 2002. Ĝi celas disvastigi kaj apliki Esperanton, fortigi kunlaboron de ĝemelurboj kaj akceli ĝemeliĝon inter urboj. La Kunvenoj de Ĝemelaj Urboj sukcese okazis dum la Pekina UK en 2004 en Ĉinio kaj la Vilna UK en 2005 en Litovio. Ĉi-jare UEA okazigos la 3-a Kunvenon de Ĝemelaj Urboj dum la Florenca UK. Krome ĉi-jare por akceli la aferon de ĝemelaj urboj ni speciale publikigis Publikan Leteron al Urbestroj en la julio-aŭgusta numero Esperanto, organo de UEA. Nelonge ĝi probable estas transsendota al vi de esperantistoj aŭ Esperanto-organizaĵo.

Mi estas vizitinta vian hejmpaĝon kaj scias, ke Florenco havas 19 ĝemelajn urbojn. Do, mi estas skribanta al vi por sincere esperi, ke vi povu informi la urbestrojn de ĝemelaj urboj pri la Florenca UK, kaj kuraĝigi ilin kaj tieajn esperantistojn ĉeesti ĝin. Tio estos alia kontribuo al Esperanto kaj afero de ĝemelaj urboj se vi povus konsideri tion, mi pensas, la Florenca UK pli riĉiĝos.Grandan sukceson al la Florenca UK. Kun koraj salutoj al vi.---Wu Guojiang (la originalo estis skribita en angla lingvo en la 18-a de junio kaj sendis al la retadreso: *uff.esteri@comune.fi.it* en la hejmpaĝo de Florenco, kie bedaŭrinde ne troviĝas la pria detala adreso)

**Salutmesaĝo de urbestro de Kioto**

Altestimata S-ro Leonard Domenici, Urbestro de Florenco,

Kara s-ro Domenici,

Mi ŝatas esprimi sinceran dankon pro via kunlaboro por niaj ĝemelurbaj amikecoj.

Al mi estas granda plezuro sendi salutmesaĝon al vi kaj al la urbanoj en Florenco okaze de la vizito de la delegacio de Kioto-Esperanto-Societo.

Kioto-Esperanto-Societo estis fondita en 1974 kaj efike disvastigas Esperanton kiel internacian komunan lingvon por paco de la mondo per la partopreno ne nur en kulturaj eventoj en Kioto, sed ankaŭ per interŝanĝo tra la urboj de la tuta mondo, inkluzive de niaj ĝemelaj urboj, Prago, Zagrebo kaj aliaj.

La delegacio vizitos vian urbon kiel partoprenantoj el Japana Esperanto-Instituto al la 91a Universala Kongreso de Esperanto.

Mi aŭdis, ke la kongresa temo estas "Lingvoj, kulturoj kaj edukado al daŭrigebla evoluo" kaj en la programo okazos speciala kunveno de ĝemelaj urboj de Florenco. Tial la delegacianoj esperas interamikiĝi por niaj du urboj.

La kulturaj kaj internaciaj interŝanĝoj inter ambaŭ urboj havas gravan signifon por internacia bonvolo. Tial mi ŝatas peti vin pri via bona subteno al ilia aktivado por plua pliboniĝo en niaj ĝemelurbaj rilatoj.

En la fino mi esprimas al vi mian deziron por via bonfarto kaj kontinuan prosperon al via urbo. sincere via, Yorikane MASUMOTO, Urbestro de Kioto (La salutmesaĝo estas skribita en la angla kun la japana traduko la 19-an de julio, 2006. S-ino Tahira Masako esperantigis ĝin kaj kunportos kun la originalo al la UK. Oni povas kontakti kun la aderso: Urbo Kioto,Teramachi Oike, Nakagyo-ku, Kioto 604-8571 Japanio tel: 81-75-222-3072/fax:81-75-222-3055 e-mail:kokusai@city.kyoto.jp)

**Dum la komitata kunsido en Florenco**

Ĉar TEJO-reprezentatino montris intereson pri la temo "Ĝemelaj Urboj", Maritza Gutierrez, estraranino de UEA aldonis ke dum la komitata kunsido en Florenco, aparte pri landa agado, estas specifa rekomendo nun konfirmita kaj diskutita kiu tekstas jene:

- UEA instigu la landajn kaj lokajn organizaĵojn plifortigi kunlaboron inter si rilate la varbadon de gejunuloj kaj aktiviĝon en la ĝemelurbaj sistemoj.

**La oficiala akcepto en la urbdomo de Florenco**

La 1-an de aŭgusto, dum la 91-a UK, la urbdomo de Florenco oficiale akceptis reprezentantojn de kelkaj ĝemelaj urboj. Ili estas Kioto de Japanio, Kievo de Ukrainio kaj Sidnejo de Aŭstralio. Interalie. samideanino Tahira Masako prezentis la salutmesaĝon de la urbestro de Kioto (vidu sube) al la urbestro de Florenco. Kome ankaŭ plurlandaj kongresanoj ĝuis tiun honoron. (laŭ raporto de Mario Amadei).

**Ideo, rezulta el la kunveno**

S-ro Marco Menghini <marco_menghini@yahoo.it> el Recanati en Italio, partoprenis en la 3-an Kunveno de Ĝemelaj Urboj kaj volus kunlabori kun la projekto. Li diris en siaj mesaĝoj: La kunveno al mi tre plaĉis, homamasoj partoprenis; mi povis aŭskultis interesajn spertojn; la samideanino Maritza Gutierrez ege bone estris la aferon... Laŭ mi, la projekto "Ĝemelaj Urboj" ege povos helpi nian movadon." Oktobre Recanati ĝemeliĝos kun Hiroshima kaj Nagasaki en Japanio. Li parolis iom pri la kunlaboro al la urbestro kaj remesaĝis al la samideano Osioka Moritaka, Hiroshima.( laŭ la mesaĝoj de Marco Menghini)

**La projekto kaj ĝia kunveno en la revuo Esperanto**

S-ino Maritza Gutirreze, estraranino de UEA, priskribis en multaj linioj la agadon de la projekto en Estrara Raporto de UEA en 2005 aperita en la junia numero de Esperanto, kaj menciis ĝin en sia raporto de la 91-a UK legebla en la oktobra numero.

URBA STILO KAJ TRAJTO

Jara Raporto de la projekto “Ĝemelaj Urboj” en 2005

Al mi ŝajnas, ke la ideoj Tri “P”, nome propono, partopreno kaj praktikado, kiujn mi kelkfoje akcentis, povas pli-akurate priskribi la laboron de la projekto “Ĝemelaj Urboj” en 2005.

## 1. Funkciuloj de la projekto

“Intima kunlaboro” kaj “aktiva antaŭeniro” devis esti la plej konvena resumo al la laboroj de la kvar funkciuloj. S-ro Renato Corsetti sendis novjaran gratulmesaĝon nur al la grupanoj de la listo lokaj-esperanto-grupoj@yahoogroups.com en la komenco de la jaro 2005, kiu speciale menciis kaj akcentis la agadon de ĝemelaj urboj, kaj persone ĉeestis la 2-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj dum la 90- a UK. Pro la laboro de s-ino Maritza Gutierrez Gonzalez la estrara kunveno de UEA akceptis la proponon de la komisiito pri la daŭro de la kunveno de Ĝemelaj Urboj en la vilna UK, kaj ŝi ĝin prezidis. S-ro Osmo Buller ĝustatempe transsendis al la komisiito diversajn novaĵojn rilate la projekton, kaj helpis la komisiiton sendi la ekzemplerojn de Informilo de Ĝemelaj Urboj al tiuj landoj en kiuj estas esperantistoj kiuj tamen ne havas ajnan retadreson. Krom redaktado kaj sendado de Informilo de Ĝemelaj Urboj la komisiito traktadis diversajn mesaĝojn kaj helpis esperantistojn en Usono kaj Japanio serĉi kaj trovi samideanojn en la ĉinaj ĝemelaj urboj.

## 2. Laborplano de la projekto

2.1 Reagoj

En la tuta jaro 2005 la projekto ricevis reagojn de 107 esperantistoj el 43 landoj. 146 urboj estis menciitaj en la ricevitaj mesaghoj. La komisiiton regule atingis la eldonaĵoj “Esperanto en Azio” (KAEM) , “Vekilo” (Finnlando), “Bazaro” (Rumanio), “Verda Spiko” (Ĉinio) kaj “Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio” (Ĉinio), provizore alvenis la revuoj aŭ gazetoj “La Revuo Orienta” (Japanio), “La Movado” (Japanio), kaj “La Hirundo” (Svedio), kiu ne plu aperis pro la forpaso de s-ino Anita Bergh. Krome la komisiito ĝustatempe ricevis la retajn publikaĵojn “Informletero de Vinikosomo”, ‘Verda Informo” kaj “Ĝemelurba Informilo” (el La Hirundo). Estas malfacile statistiki kiom da gazetoj kaj ttt-ejoj raportis aŭ citis la agadon de ĝemelaj urboj.

2.2 Atingoj

Laŭdate okazis La 2-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj dum la 90-a UK. Ĝin ĉeestis pli ol 70 kongresanoj, duoble ol la 1-a Kunveno okazita dum la 89-a UK. Oni alte taksis ĝian sukceson kaj instigis al daŭra laboro sur ĉi kampo.

Oni serioze atentis la rolon de Esperanto inter urboj, precipe ĝemelaj urboj. Pasintjare la decido farita de la urbestroj de la ĝemelaj urboj Góra, Pollando kaj Herzberg am Herz/Harz, Germanio, pri uzado de Esperanto kiel pontlingvo inter la du urboj por vigligi la urbpartnerecon kaj redukti la komunikadbaraĵojn, grandege antaŭenpuŝis la interŝanĝon de esperantistoj, kaj ekfruktis. Sub la subtenado kaj propono de la urbodomo okazis la renkontiĝo de esperantistoj el la ĝemelurboj de la rumana urbo Kluĵo kaj ĝi realigis historian trapason kvankam ĝin ne ĉiuj partoprenis. La subskribita interkonsento pri ĝemela kunlaboro inter Esperanto-Klubo en Rennes, Francio kaj Societo por Lingvo Internacia Esperanto en Brno, Ĉeĥio celis akceli la akorde amikan kunlaboron kun la oficialaj kontraktoj de la du urboj kaj plenumi la projekton de UEA pri Ĝemelaj Urboj. Novan paĝon de interŝanĝo de la du urboj malfermis ĝemeliĝo de du Esperantaj societoj “La progreso” el Prilep, Respubliko Makedonio kaj “Ora Serpento” el Zmiyov, Ukraino.Tiĥvina E-klubo laŭplane okazigis seminarion pri kunlaboro de ĝemelurbaj E-kluboj kaj akceptis gastojn

-esperantistojn el Herouville St. Clair, Francio. Ĉeesto de la raportisto de loka ĵurnalo "Divja" kaŭzis aperon de la artikolo kun titolo: “Esperanto estas lingvo de estonteco”

Ankaŭ la altan atenton de lokaj organizaĵoj al la projekto “Ĝemelaj Urboj sufiĉe esprimis du konsideroj aranĝi la programon de ĝemelaj urboj en la 15-a Internacia Esperanto Kongreso okazita en Rigo en Julio 2005, Latvio, kaj en la 100-jara Jubileo de Germana Esperanto-Asocio okazota en Junio, 2006. Sub la helpo de la projekto esperantistoj en la japana urbo Himeji kaj en la usona urbo Davis trovis samideanojn en la ĝemelaj urboj. Informilo de Ĝemelaj Urboj, reta revueto, prezentis veran interŝanĝan platformon al vastaj esperantistoj kaj plie (re)aktivigis la volon de esperantistoj al praktikado kaj uzado de Esperanto inter urboj, ekz. s-ro Sabine Hauge el Nurenbergo en Germanio.

La projekto kiel unu el la gravaj enhavoj estis resumitaj en la raportoj pri la 20-a datreveno de Tianjin-a Esperanto-Asocio, Liaoning-provinca Esperanto-Asocio kaj sia filio en la urbo Dandong (Dangdong-a Esperanto-Asocio) en Ĉinio. Harima Esperanto-Societo en Japanio kolektis leterojn, poŝtkartojn kaj fotojn el la esperantistoj aŭ Esperanto-organizaĵoj en la ĝemelaj urboj de Himeji, kaj partoprenis la Internacian Kulturan Ekspozicion okazitan en Himeji. La urbo Luoyang, okazejo de la Ĉina Esperanto-Forumo, ricevis gratulajn mesaĝojn el la japana ĝemelurbo Okayama krom tiujn el UEA, KAEM, la enlandaj Esperanto-organizaĵoj kaj individuoj.

Pro la faro de s-ro Aleks K. el Francio ekde decembro la antaŭaj Informoj de Ĝemelaj Urboj estas legeblaj ĉe la listo lokaj-esperanto-grupoj@yahoogroups.com. La proponon de la komisiito pri aldono de la programo ĝemelaj urboj akceptis du lokaj E-retejoj http://www.gvidilo.org kaj http://members.chello.cz/malovec.

Indas mencii, ke s-ro Egawa Haruni el Japanio kiel fakdelegito pri ĝemelurba agado aperis en La Jarlibro de UEA ekde 1998 ĝis la jaro 2005. Ok jaroj! Kaj nun unika!

## 3. Anonco pri tri esperantistoj

Tri subtenantoj de la agado de ĝemelaj urbo forpasis en 2005. Ili estas: s-ro TAKEUTI Yosikazu el Japanio, s-ro Karl-Heinz Kersting kaj s-ino Anny Hartwig el Germanio.

## 4. La ekzistantaj problemoj

### 4.1 Informoj

Tamen informoj estas ne riĉaj kvankam ni havas retan revueton “Informilo de Ĝemelaj Urboj” kaj utilas ttt-ejoj kiuj povas kolekti parton de rilataj informoj.

### 4.2 komunikado

Neforta estas komunikado kun samaj lokaj kaj internaciaj neesperantaj organizaĵoj. Ĝis nun la projekto probable estas ankoraŭ nekonata al tiuj organizaĵoj.

## 5. Ideoj pri la laboro de 2006

Konsiderante redaktadon kaj dissendadon de la reta revueto “Informilo de Ĝemelaj Urboj’ kaj intiman kontakton kun la partoprenantoj de la projekto, mi havas jenajn ideojn:

(1) Adresi publikan leteron al urbestroj – kvar funkciuloj de la projekto kontrolis kaj kune subskribis la leteron kiun verkis la komisiito. Ĝi unue oficiale aperos en la julio-aŭgusta numero Esperanto, organo de UEA;

(2) Daŭrigi kunvenon de ĝemelaj urboj en la Florenca UK – la ĉi-jara unua Estrara Kunveno de UEA konsentis kaj akceptis tiun proponon;

(3) Konstrui kompletan kaj sisteman Informo-Stokon – sendi enket-folion al esperantistoj sub konsento de UEA;
(4) elekti kelkajn urbojn kiel provajn unuojn de la projekto – longa tasko, pere de ĉiaj rimedoj akceli ĝemeliĝon inter la urboj elektitaj, ankaŭ estas grava konsidero en la venontaj kvinjaroj (2007-2011). Ĝi estas unu el la ŝlosilaj paŝoj de la projekto marŝi al nova etaĝo;
(5) konsiderante alvenadon de centjariĝo de landaj kaj lokaj organizaĵoj aŭ Esperanto-movado (probable tia okazo daŭros tre longe), kapti kaj sufiĉe utili tiun ŝancon, aktive instigi kaj atentigi la organizaĵojn listigi la programon "Ĝemelaj Urboj" en la aranĝojn de la centjariĝo;
(6) proponi, ke kaj UEA kaj loka komitato de UK instigu kaj konvinku la kongresan urbestron inviti la ĝemelurbajn estrojn kaj esperantistojn partopreni en UK, kaj aranĝu la renkontiĝon de tiuj urbestroj. ( la komisiito)

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

Mia revo finrealiĝis en la Florenca UK

Mia urbo Maebaŝi (Japanio) havas ĝemelurbon Orvieto en Italio.Instigite de la projekto Ĝemelaj Urbo de UEA, mi serĉadis esperantistojn en tiu urbo, sed vane. Kelkajn monatojn antaŭ la UK en Florenco, mi denove sendis demandon pri tio en la retlisto de UEA. En junio neatendite venis mesaĝo de s-ro Renato Corsetti, ke li trovis esperantiston en la najbara urbo. Lia nomo estas Gabriele Aquilina. Mi tuj sendis mesaĝon al li kaj li tuj faris respondon al mi, dirante, ke li jam havis kontakton kun la urbo kaj la vicestro de la urbo renkontos min.

Mi hastis al mia urba oficejo por peti mesaĝon de la urbestro al Orvieto. Oficisto pri eksterlandaj aferoj konsentis pri mia peto. Vidante broŝuron de Orvieto, mi estis surprizita, ĉar tiu estas tre bela turisma urbo kun longa historio, dum mia urbo estas nek bela nek turisma. Laŭ la klarigo de la oficisto, estro de iu kompanio nomata s-ro Tokunaga en mia urbo tre ŝatas Orvieto-n kaj eĉ posedas gastejon en tiu urbo, kaj li peris la du urbojn. Poste mi denove havis kontakton kun Gabriele kaj decidis viziti la urbon la 31-an de julio.

Tiun tagon mi, mia edzino kaj miaj du amikoj (ili ne estas maebaŝi-anoj, sed havis intereson pri la urbo) kvarope vizitis la urbon. Ĝi situas 100 kilometrojn fore inter Florenco kaj Romo, do ni facile atingis la urbon. Ĉe la stacidomo atendis nin Gabriele kaj lia edzino kun ĵus naskita bebo. Ni vizitis la urbodomon. La oficisto kiu tie atendis min ne estis vicestro, sed urbestro de Orvieto kun s-ro Tokunaga, la kompaniestro de mia urbo. Ni estis kondukitaj en lian ĉambron, kie mi transdonis mesaĝon de mia urbestro. S-ro Tokunaga provis traduki min, sed mi rifuzis tion kaj parolis en Esperanto, kaj Gabriele tradukis min. Mi dankis la urbestron, klarigis pri Esperanto kaj rekomendis, ke Esperanto estu uzata por establi pli amikan rilaton inter la du urboj. La renkontiĝo ne daŭris longe, tamen ni estis kontentaj, ĉar unuan fojon Esperanto estis uzata inter Orivieto kaj mia urbo Maebaŝi.

Reveninte hejmen, mi raportis pri mia sperto al la oficisto pri eksterlandaj aferoj. Mi faris panelojn pri mia vojaĝo al Italio kaj nun ekspozicias ilin en la najbara poŝtoficejo. Profitante tiun okazon, mi volas disvastigi Esperanton en la du urboj. (skribis HORI Jasuo, lia retpoŝto: hori-zonto@water.sannet.ne.jp, la titolo estis aldonita de la redaktoro )

**[Komentario]** kontaktinte kaj sciinte s-ron HORI Jasuo oni havas komunan impreson pri li: diligenta kaj praktikema. Tamen li longe atentas ĝin kaj ĉiurimede subtenas ĝin kvankam pro multaj postenoj li nefacile trovis tempon kaj energion al la projekton "Ĝemelaj Urboj" de UEA. Li enkondukis la projekton en Laborplanon de KAEM kiun li prezidis, li establis specialan rubrikon

“ĝemelaj urboj” en la Revuo Orienta, organo de Japana Esperanto-Instituto, kiun li ĉefredaktas, kaj invitis la komisiiton skribi artikolon por ĝi. Ĉi tiu agado de s-ro HORI Jasuo plu pruvas realon: sukceso venas el penado, kaj el praktikado. Mi kredos, ke aperos multaj ekzemploj kiel s-ro HORI Jasuo. (la komisiito)

## Parolas la redaktoro

Multaj informoj, ekz. Esperanto-urbo, reagoj al Publika Letero al Urbestroj, leteroj de la komisiito al kelkaj urbestroj ktp. ne estas aranĝitaj en ĉi tiu kongresa numero, sed vi tuj legos ilin en la sekva numero, t.e. n-ro. 4 (19), kiu samtempe atingas vin.

****************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto “Ĝemelaj Urboj”
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
CN-113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com ghemelurboj@yahoo.com.cn